# INTERNACIA FERVOJISTO




ORGANO DE I.F.E.F.

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

22a jaro Majo/Junio 1970 N-ro 3



*Kongresanoj en nia 22a en Rimini, post la solena inaŭguro en palaco «Arengo», dimanĉe la 17an de majo.*

# *Impresoj de la 22-a Kongreso de IFEF*

Refoje, kaj nun por la 22a fojo, kolektiĝis «nia diligenta kolegaro» al kongreso, ĉijare en la itala urbo Rimini ĉe la Adriatika Maro, populara feriloko por turistoj el multaj landoj.

Estas ĉiujare la same granda travivaĵo, revidi la karajn vizaĝojn de geamikoj el multaj landoj, kaj konatiĝi kun novaj, — tiuj kiuj ĵus lernis Esperanton, kaj kiuj por la unua fojo partoprenas en kongreso.

Oni devas admiri tiujn kuraĝajn homojn, kiuj prenas sur si la aranĝadon de niaj kongresoj, kiuj dum 2 jaroj elpensis planojn kaj laboregis por realigi ilin, kiuj poste kiam ĉio ŝajnas esti en bona ordo, presigas fiksitajn programerojn kun horindikoj en la kongreslibro.

Sed en nia mondo nenio estas certa, ni vivas sub la leĝo de relativismo, kaj eĉ se la aranĝantoj havas la plej bonajn intencojn, iliaj planoj povas esti renversitaj de subitaj kaj neatenditaj ŝanĝoj, pro kio ili ne kulpas.

Tiurilate mi aludas al la bonegaj kaj tre afablaj geamikoj Gimelli, kiuj faris ĉion por kontentigi nin.

Mi mem spertis kia giganta laboro kongresaranĝo estas, kaj pensante pri tio, mi admiras ĉiujn anojn de LKK en Rimini.

Oni povas diri ke nia 22a kongreso fariĝis kongreso de la strikoj.

Se okazis fiaskoj, ni nepre ne direktu la kritikon al LKK, ĝi sendube faris ĉion eblan por plenumi la fiksitan programon.

Kaj vere — kiam temas pri la plej grava parto de kongreso, nome pri la laborkunsidoj, la kongreso estis inter la plej bonaj.

Sabate la 16an de majo alvenis la plimulto de gekongresanoj per diversaj trajnoj, kaj jam en la stacidomo renkontis nin ano de LKK por doni helpon.

Ni informiĝis kiamaniere atingi la oficejon de LKK, kie estis niaj kongresdokumentoj, kaj kie ni informiĝu pri hotelo.

Rimini estas 15 km. longa strando kun ege multe da hoteloj, restoracioj kaj amuzejoj, vaste lokigitaj laŭlonge de tiu strando, kaj kiel kolektiva transportilo servas troleaŭtobusoj.

Iom ĝena estis la distanco inter hoteloj kaj kongresejo, sed dank, al la troleaŭtobusoj, per kiuj ni kongresanoj rajtis senpage vojaĝi —, tiu distanco ne estis malagrabla.

*

## GRAVAJ ENHAVAĴOJ

Impresoj de la 22a kongreso de IFEF ................ paĝo 38
Du oraj FISAIC-medaloj al meritaj IFEF-anoj ........ paĝo 42
Resumo kaj komentario pri la jaraj raportoj de la landaj asocioj de IFEF 1969 ...... paĝo 43
Ekstrakto el la protokoloj de la dua komitatkunsido kaj plenkunsido .............. paĝo 46
Terminara komisiono ........ paĝo 49
Junulara sekcio ............ paĝo 49
Administraj informoj ........ paĝo 50
Fervojnovaĵoj .............. paĝo 51
El la muzefervojoj .......... paĝo 52

**INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO**
**Sekretariejo: E. Kruse, D-6 Frankfurt (M) 70, Schweizer Str. 104, Germanio**
**Redaktoro: Per Johan Krogstie, N-2340 Løten, Norvegio**
**Bankkonto: Thurgauische Kantonalbank, CH-8590 Romanshorn, Svisio**




*De la solena kongresinaŭguro, dimanĉe la 17an de majo en la antikva palaco «Arengo».*

Laŭkutime dum esperantokongresoj, estas interkonatiga vespero, sed mi supozas ke neniu trovis le ejon por tiu aranĝo. Sed tamen, ni ĝuis amuzan vesperon en la signo de revido.

Kiel mi mem faris, multaj kune kun mi ekvidis en la malhela vespero, lumantajn flugilojn de antikva muelejo, de kies interno audiĝis gajaj dancritmoj, — estas amuza resoracio, kie la plimulto de la kongresanoj amuzis sin.

Tiu restoracio fariĝis tre populara, kaj ĉiun vesperon dum la kongressemajno, Esperanto estis la oficiala lingvo en ĝi. Ĉi tie ankaŭ okazis la kongresbalo.

Antaŭ la solena kongresinaŭguro, en la antikva palaco «Arengo», estis katolika diservo en Esperanto, gvidita de la ĉarma kaj afabla samideano, pastro Ciccanti. Dum la tuta kongreso li sekvis nin kiel bona spirito, kaj plurfoje li pruvis ke li regas pli ol «Patro Nia».

Dum la folklorvespero, li en amuza maniero prezentis sur la scenejo, la diversajn kantojn kaj dancojn.

Dum la solena inaŭguro, kio estis grava demonstracio pri kio estas Esperanto, parolis reprezentantoj por la fervojistaj libertempasocioj, la loka reprezentanto por tiu organizo en Bologna, kaj ĝia prezidanto de Roma, — d.ro Scodellari.

Inter la multaj parolantoj, menciindaj estas la prezidanto de Turisma Restadentrepreno de Rimini, — profesoro Montebelli.

D.ro Bacskai parolis en la nomo de UEA, dum s.ro Coyac parolis por SAT. Cetere parolis d.ro Bieckman, vicprezidanto de FISAIC, s.ro Pahin, ĝenerala prezidanto de UAICF, d.ro U. Stoppolini, prezidanto de Itala Esperanto Federacio, s.ro Zang, Germanio, je la nomo de sindikatoj, inĝeniero De Rosa por «Association Europienne des Cheminots», s.ro Motto, Francio kaj s.ro Gugole, Italio, por «Eŭropa Interamikiĝo de Staciestroj», d.ro Galli por Itala SINDIFER, pastro Ciccanti por Katolikaj Esperantistoj, kaj profesorino Dazzini, kiel reprezentantino de Esperantistaj Instruistoj.

Poste sekvis laŭtlegado de alvenitaj telegramoj kaj salutleteroj, antaŭ la mallongaj salutvortoj de reprezentantoj por 18 landaj IFEF-sekcioj.

Prezidanto de IFEF, s.ro Joachim Giessner prezentis honordiplomojn por s.roj Schlesser, Pahin kaj Ceci.

En sia parolado s.ro Giessner direktis sincerajn dankesprimojn al multaj gravuloj inter la ĉeestantoj, — al LKK, kaj precipe al gesinjoroj Gimelli. Speciale li menciis la forpasintajn samideanojn, kolegoj Zacconi kaj Nanni. Tre interesa estis la parolado de la prezidanto, pro tio ke li skizis paralelon inter la historiaj faktoj ke ĉiuj eltrovaĵoj sciencaj, kiuj jam de longe estas memkompreneblaĵoj, tre malfacile agnoskiĝis. Tiel ankaŭ koncerne Esperanto. Kaj li konkludis kun la vortoj: «Vero kaj bono venkos ĉiujn obstaklojn», kaj nun la kongreso deklariĝis malfermita.

En paŭzo distris nin geknaba orhestro per vigla muziko, kaj tuj post la inaŭgurado okazis la komuna fotografado.

La bildon oni vidas sur la frontpaĝo de ĉi tiu ĵurnalo.



*Tiberius-ponto, Rimini.*

Grava momento dum la kongreso estis kiam la pioniro Lok kaj la nuna prezidanto ambaŭ ricevis medalojn de FISAIC.

La laborkunsidoj — bone preparitaj, okazis en amika atmosfero kaj funkciis glate.

Ili estis bone vizitataj, kaj oni de tio povas konkludi ke inter ni ne nur estas homoj kiuj partoprenas en kongresoj nur pro turismaj kaj amuzaj allogaĵoj.

Menciinde estas ke en la dua, publika kunsido, Otto Walder informis ke IFEF nun atingis membronombron je pli ol 3000, kaj ke la ĝenerala situacio en multaj landaj IFEF-sekcioj pliboniĝis.

Tiu montriĝas diversmaniere, publikigado pri nia afero en gazetaro, organizado de kursoj k.t.p.

En la kunveno de fakprelega komitato, oni informis ke la pasintjara fakprelegteksto de Avignon, havis eksterordinaran eĥon ĉe multaj nacilingvaj gazetoj, kaj en la Esperantogazetaro.

Ankaŭ altrangaj fervojaj instancoj aprobis ĝin.

Dum la Universala Kongreso en Helsinki 1969, s.ro Narvala prelegis pri «Pasaĝertrafiko en Finnlando», kaj proponiĝis ke dum la ĉijara UK en Vieno oni prezentu prelegon pri la trakciilo «Eŭropa lokomotivo».

Dum la terminara komitatkunsido, oni konstatis ke baldaŭ aperos terminaretoj en Jugoslavio, Nederlando, kaj en Danlando laŭ modelo de la ĝisnunaj eldonaĵoj en Germanio, Hungario kaj Norvegio.

Cetere oni post la 22a kongreso ankaŭ en Italio komencas prepari fakterminaron. Tradukado laŭ granda fervojteknika leksikono de UIC nun atingis 4000 el ĉa. 12000 terminojn.

En la junulara komitatkunsido, oni konstatis ke la ĉijara aranĝado de skisemajno estis kontentiga kaj bonsukcesa.

La fakprelego, kiun verkis profesoro inĝeniero Bernardino Lattanzi, prezidanto de Itala Fervojista Esperanto-Asocio, estis prezentita de d.ro Antonio de Salvo. Ĝia teksto estis: «La relnivelaj transtrakaj pasejoj de la Italaj privatfervojoj.» Je la sama okazintaĵo prezentiĝis filmoj kun paroladteksto en Esperanto pri la Fiat-aŭtomobiloj, pri Italaj Ŝtatfervojoj FS, pri ilia pramŝipservo en la Mediteranea Maro.

Fine prezentiĝis 2 tute novaj filmoj de Norvegio, nome «Mi estis tie», eldonita de Norvegaj Ŝtataj Fervojoj kun teksto tradukita al Esperanto de Per Johan Krogstie.

La alia filmo, kies teksto estas: «Oslo, la vikinga ĉefurbo», eldoniĝis de la Vojaĝasocio por Oslo kaj ĉirkaŭaĵo.

Fine disdoniĝis tute novaj faldfolioj kun landkarto pri Norvegio, kaj kun utilaj informoj por turistoj, vizitantaj tiun landon.

Tiu broŝuro, eldonita de NSB, havas la titolon: «Vojaĝu kun ĝojo, per Norvega Ŝtata Fervojo», kaj estas havigebla de Norges Statsbaner, Presse- og Opplysningskontoret, Storgt. 33. Oslo 1, Norvegio.

Kompreneble oni skribu en Esperanto.

Menciinda estas ankaŭ la teatra vespero.

Geaktoroj gvidita de Norma Zacconi prezentis sian verkon: «Floro nomita Circea.» Inter la neforgeseblaj momentoj, estas la akcepto de IFEF-estraro kaj komitatanoj ĉe la komunuma magistrato de Rimini en la urbdomo.

En salonego, ornamita per blankaj kaj ruĝaj diantofloroj, do en la koloroj de urbo Rimini, oni ĝuis bongustajn trinkaĵojn kaj dolĉaĵojn, kaj la urbestro ricevis salutojn de aliaj urbestroj vaste en Eŭropo, transdonitaj de la vizitantoj.

La ekskurso al San Marino estis interesa. Ĝi okazis per aŭtobusoj al la malgranda kaj sendependa ŝtato, kiu fakte nur estas urbo.

Sendube multaj gekongresanoj prenis la okazon en San Marino aĉeti memoraĵojn, speciale la filatelistoj tie trovis vere belajn poŝtmarkojn kun interesaj motivoj.

Neforgesebla estas la ekskurso per trajno al Ravenna, la urbo kie estas la tombo de Dante, kaj kun la multaj bazilikoj kun mozaikoj.

Dum la lasta tago de la kongreso, okazis tuttaga ekskurso, ankaŭ per trajno, al Bologna, de kie ni per aŭtobusoj vizitis la antaŭurbon San Pietro del Terme.

Tie okazis stratnomigo, ankoraŭfoje strato portas la nomon de la kreinto de Esperanto.

Bedaŭrinde ke dum tiu ceremonio estis pluvego, kaj ne multaj gekongresanoj sukcesis ĉeesti.

Dum la komuna tagmanĝo en San Pietro del Terme, la prezidanto deklaris la 22an kongreson de IFEF fermita.

Kaj nun ni denove estas hejme, kaj belaj kongrestagoj de tempo al tempo aperas antaŭ la okuloj kiel filmo.

Plej klare oni vidas la karajn vizaĝojn de geamikoj el multaj landoj, kun rideto oni memoras amuzan kunestadon dum la 22a kongreso en Rimini, kaj kun sopiro oni antaŭvidas la venontjaran, la 23an kongreson en la jugoslava urbo Maribor.

*Per Johan Krogstie.*

---

# *Ĉu vi scias....*

ke neniam en la historio de IFEF, LKK havis tiom da malfacilaĵoj kaj estis devigata tiom seninterrompe improvizi kiel LKK en Rimini? Tie kaj tie estis neperfektaĵoj. Tiajn oni povas konstati en ĉiu kongreso, ĉar estas ja homoj, kiuj organizas kongreson kaj ĉiu homa verko estas neperfekta. Tamen, por komprenigi al tiuj, kiuj plendis pri tio aŭ tio pli malpli prave, jen mi lokigas kelkajn demandojn, certe interesajn ankaŭ por tiuj membroj, kiuj ne kongresis en Rimini.

Ĉu vi scias,

— ke la kongresejo pro striko en aŭtuno 1969 ne estis finkonstruita ĝustatempe?

— ke pro tio LKK devis serĉi alian kongresejon, kiu tamen ne havis tiom da avantaĝoj?

— ke pro tio la akceptejo provizore devis esti instalita en tro malgranda ejo, kiun afable disponigis Dopolavoro Ferroviario?

— ke pro tio la inaŭguro devis okazi en ne konvena, tro malgranda salono?

— ke pro tio por la interkona vespero kaj internacia balo devis esti trovitaj aliaj ejoj, parte lastminute kaj sub komplikaj cirkonstancoj?

— ke pro tio ankaŭ la teatra kaj folklora vesperoj devis esti translokigitaj al alia salono?

— ke pro diversaj kialoj la hoteloj antaŭviditaj por la kongresgastoj plurfoje devis esti ŝanĝitaj?

— ke pro striko de la ŝoforoj de tiuj omnibusoj, kiuj trafikis eksteren de la urbo, la du planitaj ekskursoj al San Marino kaj Ravenna provizore fiaskis?

— ke nur pro sinceraj klopodoj kaj pro granda komprenemo de la koncernaj instancoj anstataŭaj omnibusoj el San Marino (kie oni ne strikis) respektive anstataŭa specialtrajno flanke de la stacio Rimini (la fervojistoj ekstrikis unu tagon poste) tamen ebligis, almenaŭ plenumi parton de la programo?

— ke multo el ĉio tio nur eblis dank' al la eminenta subtenado flanke de s-ro Ceci, prezidanto de Dopolovoro Ferroviario Bologna, kiu ĉeestis la tutan kongreson, kvankam neesperantisto?

— ke strikis dum kelkaj tagoj la personaro de la turismaj agentejoj, tiel ke ankaŭ en la kongresejo estis neniu el ili kaj ne ni povis esti kontentaj, ke ili tamen lasis al ni la domon simple donante al ni la ŝlosilojn?

— ke pro striko de la ĵurnalistoj ek de merkredo ne plu eblis doni aŭ ricevi iujn ajn informojn? (intervjuo kun radio Romo tamen okazis).

— ke pro striko de la poŝto ek de la semajna mezo ne plu funkciis la poŝtservo? Eĉ ne eblis doni aŭ ricevi telegramojn.

— ke la preparoj por la postkongresa ekskurso preskaŭ fiaskis, ĉar la fervojistoj strikis parte tie, parte tie?

— ke la omnibusoj menditaj en Bologna por la ekskurso al Castel San Pietro Terme ne venis (poste venis kelkaj, sed ne sufiĉe multaj), ĉar la fervojinstancoj de Bologna estis luintaj ĉiujn atingeblajn omnibusojn, por transporti pasaĝerojn sur tiuj linioj, kie oni strikis?

Eble ĉi tiuj demandoj ne estas kompletaj, tamen ili certe sufiĉas por pruvi, sub kiaj komplikaj kondiĉoj LKK devis labori. Ankoraŭfoje dankon al ili, al ĉiuj, kiuj ne perdis la kuraĝon, sed kunhelpis, venki tiujn obstaklojn. Tiamaniere la 22a kongreso, kie eĉ strikis la sopirita varma aero kaj kie subita pluvego kvazaŭ dispelis la gastojn por la inaŭguro de Zamenhofstrato en Castel San Pietro Terme, tamen restos en la memoro kiel bela kaj agrabla travivaĵo, kiel ĉiuj aliaj kongresoj.

*Prezidanto*

# Du oraj FISAIC-medaloj al meritaj IFEF-anoj

El la manoj de FISAIC-vicprezidanto d-ro Biekmann ricevis la plej altan distingon de FISAIC nia honora membro JAN LOK.

Amiko Lok kaj lia agado por IFEF estas tiom konataj en niaj vicoj, ke eblas nur supraĵe mencii liajn meritojn. Li esperantiĝis antaŭ 38 jaroj kaj tuj agadis por la nederlanda fervojista movado kaj kungvidis internacian oficejon de IFETT. Komence de la milito li konservis laŭeble longe internaciajn kontaktojn kaj ĉefe al li ni dankas, ke la federacio saviĝis de unu periodo al la alia. 1948 li ĉeestis la fondkunvenon de nuna IFEF kaj fariĝis ties sekretario dum 16 jaroj. El stokoj de unuopaj membroj en multaj landoj li sukcesis krei landajn asociojn. Li ricevis la honoran titolon «motoro de IFEF». Dum 32 jaroj li estis estrarano kaj ankoraŭ nun sekvas kun granda intereso la evoluiĝon de nia IFEF.

La dua distingito fariĝis nia lerta prezidanto JOACHIM GIESSNER. Li esperantiĝis 1950 kaj jam jaron poste sukcesis en kursgvidanta ekzameno kaj gvi-



*Joachim Giessner kaj Jan Lok.*

dis ĝis hodiaŭ sennombrajn kursojn. Kiel sekretario, redaktoro, vicprezidanto kaj dum 13 jaroj kiel prezidanto li servis al la germana ferv. esperanto movado kaj estas ĉefe lia merito, ke GEFA hodiaŭ estas firma roko en nia federacio. Li gvidis la fakprelegan komisionon, estis kunfondinto de «Esperanto-Filmo-Germanujo», por kiu li tradukis kantojn oper-ariojn, ŝlagrojn kaj poemojn. J. Giessner prezidis LKK de la 19-a IFEF-kongreso Fulda. Li kunhelpis por la aliĝo de landaj asocioj de Britio, Hispanio kaj Norvegio al FISAIC kaj daŭre flegas la kontaktojn kaj evoluon inter FISAIC kaj IFEF.

La kongresanaro per tondra aplaŭdo dankis al vicprezidanto d-ro Biekmann por tiuj afablaj distingoj kaj la du kolegoj akceptu la koran gratulon de la tuta IFEF-anaro.

OW.

# Resumo kaj komentario pri la jaraj raportoj de la landaj asocioj de IFEF 1969

*Mallongigo en la teksto:*
*l.a. = landa asocio/landaj asocioj*

Du ĝojigaj faktoroj pri la federacia laboro meritas apartan mencion:

1. denove ĉiuj landaj asocioj verkis jar-raporton pli akurate ol iam.
2. la membrostato atingis la trian milon. La 19 landaj asocioj kaj izolaj membroj en pliaj 6 landoj rezultas 3001 membrojn.

21. *Landaj estraroj kaj funkciuloj.*

Ŝanĝiĝis la postenoj de prezidanto kaj sekretario en Britio, Ĉeĥoslovakio kaj Francio. Nova prezidanto en Jugoslavio.

23. *Evoluo de rilatoj kun instancoj kaj aŭtoritatoj.*

Hispanio kaj Italio taksas la rilatojn kun la fervojaj instancoj *tre bonaj*, same Bulgario. En Norvegio la of. varboficejo uzas la int. lingvon kaj la direkcio eldonis ferv. terminaron norvega-esp.-norveglingva.

Kiel *bonaj* taksas la rilatojn Aŭstrio, Belgio, Ĉeĥoslovakio. Danlando mencias aperigon de la klarigoj en la of. horaro. Finnlando kontentas pri la rilatoj. Francio ĝuis diversajn favorojn kaj financan subtenon pro la IFEF-kongreso en Avignon. Hungario kaj Jugoslavio ĝuas moralan kaj financan subtenon. Nederlando ricevis subvencion. Polio aperigis la klarigojn en la of. horaro. En Rumanio la rilatoj estas amikaj. En Svedio ili estas pli-malpli efikaj. La kontaktoj en Svisio estas senŝanĝe bonaj kun efika subvencio. Sole Germanio plendas pri nebonaj rilatoj, pro ĉeso de eldonado de turismaj informiloj kaj klarigoj en la of. horaro.

Kun la sindikatoj laŭdas rilatojn Aŭstrio, Bulgario, Ĉeĥoslovakio, Danlando, Hungario, Jugoslavio, Norvegio, Polio, Svedio kaj Svisio. En Francio 3 el la 6 sindikatoj favoras nin. En Germanio nun ĉiuj 3 sindikatoj estas korporaciaj mem-

broj de la 1.a. Italio komencis kontaktojn. Nederlando kontaktas kun unu el la sindikatoj.

Neniaj rilatoj ekzistas en Belgio, Britio, Finnlando.

Gravas kontaktoj kun aliaj kulturaj ferv. org., kunigitaj en landaj tegmentaj org., aliĝintaj al FISAIC. Escepte de Britio kaj Nederlando *ĉiuj* 1.a. bone laboras kun la nacia org. En popoldemokratioj ne ekzistas ligoj al FISAIC.

Kun unuopaj kulturaj, artaj kaj sportaj org. la rilatoj nur estas maloftaj. Bulgario mencias sporadajn, Ĉehoslovakio surlokajn, Finnlando bonajn kun la abstinenculoj. Francio laŭdas tiajn kun la staciestra ligo. Interesaj rilatoj kreiĝis kun la turista asocio. Italio favoras la Eŭropan asocion de fervojistoj.

La kontaktoj kun ne-fervojistaj org. kutime limiĝas je la landaj kaj lokaj esp. societoj. Rumanio instruas Esperanton en la Popola Universitato de Brasov. Hispanio flegas kontaktojn kun «Amikoj de UNESCO».

24. *Kunlaboro kun aliaj esp. organizaĵoj.* Rektaj rilatoj kun la centroj de UEA kaj SAT estas esceptoj. Aŭstrio mencias tiajn kun UEA pro la Universala Kongreso 1970. En Finnlando la prezidanto de nia 1.a. estis kompetenta prezidanto de la 54-a UK en Helsinki. En Jugoslavio 2 anoj estis LKK-membroj de SAT-kongreso.

Sen multaj esceptoj regas viglaj kontaktoj kun la naciaj kaj lokaj esp.org.. Ofte IFEF-anoj laboras ankaŭ por la ĝenerala movado, aranĝas komunajn festojn kaj ekskursojn. Germanio kunlaboras ĉe Germana E. Instituto.

25. *Informado.*
Malfeliĉe la registrado de artikoloj en la gazetaro, aperintaj pro niaj klopodoj estas nur malpreciza. Estus konsilinde dum*jare* kolekti ilin. La raportantoj mencias 244 artikolojn. La plej multaj, 73, aperis en Francio, dank' al la IFEF-kongreso. En dua vico Germanio kun 36, en tria Jugoslavio 20.

Kvin 1.a. mencias 20 artikolojn, kies fonto estis la gazetara servo de IFEF. La prijuĝo de tiu nova servo por gazetpreta raporto pri Avignon estas pozitiva.

Malfeliĉe la valora fakprelego pri «Rapidaj trajnoj en Francio» aperis nur en la organo de IFEF komplete. Resumojn povis aperigi ok 1.a. en 18 gazetoj kaj nuran mencion 5 1.a. en 20 gazetoj.

En 14 el 19 landoj kie ni estas reprezentitaj per 1.a., fervojaj administracioj kaj sindikatoj regule ricevas informojn pri niaj agado, kongresoj, fakprelegoj kaj jarkunvenoj. Kun bedaŭro estas konstatebla ke 5 prezidantoj ne taksas grava tian informadon. Eĉ ĉe manko de reago flanke de la informitoj, ne estas kaŭzo rezigni.

Krom persona varbado plej malmultekosta informebleco estas anoncado en niaj deĵorejoj. 12 el niaj 1.a. tion eluzas, sed kial ne ĉiuj? Prave Germanio skribas, ke la efiko dependas de la prizorganto, de la materialo kaj de regula interŝanĝado.

3 prelegoj kaj 5 informoj en radio aŭ televido grandparte okazis kunlabore kun aliaj esp. organizaĵoj.

Ekspozicioj laŭ propraj klopodoj aŭ kunlige kun aliaj org. okazis 16. En ili estis registritaj proks. 2150 vizitintoj.

La statistiko pri disdono de informa materialo montriĝas *nekompleta*. Dumjara fidinda registrado nepre necesus. Niaj 1.a. raportas pri disdono de

| | |
|---|---|
| Afiŝoj elpendigitaj en dejorejoj kaj stacioj | 1 180 ekz. |
| Flugfolioj | 8 550 |
| Prospektoj | 6 800 |
| Broŝuroj kaj varbpoŝtkartoj | 1 600 |
| | ——— |
| Tio signifas, ke pruvite disdoniĝis | 18 150 informiloj. |

26. *Junulara agado.*
Nur kelkaj l.a. havas memstaran junularan grupon. En Bulgario ĝi nur agas en kadro de la l.a. En Ĉeĥoslovakio post organizado de la 11-a skisemajno tia estas en konstruado. Francio notas bonan agadon. Hungario mencias kontentigan agadon, Italio bonegan.

Apartaj junulaj aranĝoj okazis sole en Francio. En Bulgario kune kun la enlanda esp. junularo, en Hungario en kadro de kunvenoj de ferv. kluboj kaj en Jugoslavio en kunlaboro kun urbaj societoj.

Ekster-esperantistajn kontaktojn ĝuas la bulgara junularo en partiaj jun. org. kaj la franca kun folklora dancgrupo.

27. *Varbado.*
Aŭstrio registris 35 anonciĝojn por leterkurso, dank al artikolo en ferv. sindikata gazeto. Britio plendas pri manko de kompreno por int. lingvo en la lando de la t.n. «mondlingvo». Danlando mencias kontentigan partoprenon al klubaj informkunvenoj. Francion favoris la organizado en kongreso en Avignon, pri kiu aperis bonaj artikoloj en ferv. eldonaĵoj. En Germanio okazis en 6 urboj varbkunvenoj. Hungario altiras interesulojn per organizado de vojaĝoj, per cirkuleroj kaj per fakaj raportoj en sia revuo. Rumanio plendas pri limigitaj varbeblecoj pro manko de materialo kaj lernolibroj.

Helpon flanke de IFEF volonte vidus Hispanio per disponigo de afiŝoj kaj per faciligo al gejunuloj partopreni kongresojn. Rumanio ŝatus la helpon de IFEF en disponigo de abonpagoj por esp. revuoj, en aranĝado de reciprokaj vizitoj kaj en pledado ĉe UEA por helpo.

Pri ekzistado de fervojaj lernejoj raportas 13 l.a.. Ĉiuj 65 lernejoj preparas al la profesio kiel fervojisto.

28. *Apartaj aktivecoj.*
Aŭstrio: la aranĝo de la naŭa kaj deka skisemajno kun 88 partoprenintoj el 10 landoj. — Finnlando: okazigo de faka kunveno dum 54-a Universala Kongreso de UEA kun prelego de la prezidanto. — Germanio: Kontaktoj kun ferv. vojaĝorganizaĵo kun celo ferioaranĝoj kun elstaraj Esperanto-kursoj. — Hungario: eldono de fervoja terminaro hungara-esp.-hungara, dank al helpo de direkcio kaj sindikato, bonfamo de kvaronjare aperanta «Hungara Fervojista Mondo», klarigoj en of. fervojsanitara revuo. — Italio: aperigo de turismaj prospektoj pri Bologna kaj Rimini, dank' al 22-a kongreso. Jugoslavio: la horaro enhavas 3 paĝojn da klarigoj en Esperanto preparoj kaj kursoj pro la 23-a kongreso en Maribor spertas bonan akcepton ĉe aŭtoritatoj kaj enloĝantaro. — Nederlando: bonaj internaj progresoj dank al ekskursoj kun ebleco uzadi Esperanton — Norvegio: presigo de ampleksa terminaro norvega-esp.-norvega dank al subteno de la direkcio. — Svedio: sukceso ĉe sindikato subvencion por adoptitoj de IFEF. — Svislando: la Eŭropa Feria Semajno en Gwatt vizitata de 80 personoj.

La prezentado de tiu resumo nur estu instigo al pli funda studado de la enventintaj raportoj, el kiuj eblas lerni kiel aliloke sukcesoj akiriĝis. Ne eblas en tiu

modesta kadro mencii ĉiujn erojn. Por resumanto estas certa malfacilaĵo ĵus tion akcenti, kion la l.a. eble taksis tre grava. Ĉiukaze pardonu, se iu el viaj raporteroj ne estis ĉi-tie metita en sufiĉe forta lumo.

Romanshorn, 21-a de aprilo 1970.

*O. Walder.*

# Ekstrakto el la protokoloj de la dua komitatkunsido kaj plenkunsido

1. KOMITATKUNSIDO

*Mallongigo en la teksto:*
*Pr = Prezidanto*

2. *Resumo de la landaj jarraportoj* estas trovebla en IF.
*Pr* varme dankas al la kasisto pro tia akurata kaj ampleksa raportresumo.
*Brandenburg* ankoraŭfoje atentigas, ke ni pli eliru el niaj propraj rondoj. Li demonstras tion je la ekzemplo de la fakprelego Avignon.
3. *Pr* substrekas, ke la Ĉefkomitatano laboras «ne rimarkita de la membraro», sed ĉiam en nepre fidinda kaj amika maniero. Pro tio li kore dankas lin.
5. *D.ro Bácskai:* La kontaktkunveno de la la UK-oj de jaro al jaro fariĝas pli altnivelaj kaj ne nur altiras fervojistojn, sed ankaŭ fervojajn eminentulojn. Tiujn kunvenojn oni nepre propagandu!
*Pr* anoncas referaton de kolego Lautenbach por Rimini kaj verŝajne ankaŭ por UK Vieno.
6. *IFEF-afiŝo internacia*
*Pr* skizas la ĝisnunan traktadon. Profesia grafikisto en Germanio faris du skizojn.
Ju pli alta la mendokvanto, des pli taŭgaj la kondiĉoj. Je 2000 ekz. ĉe MAV-presejo ni ricevos proks. 4 ekz. por 1 sfr, je 5000 ekz. proks. 7 ekz. kaj je 10 000 ekz. la prezo denove reduktiĝus.
D.ro Bácskai deklaras, ke ili aranĝos la pagadon flanke de la orientaj landoj. La okcidentaj landoj pagos al IFEF, tiu egaligos la aferon kun Hungario.
*Brandenburg:* GEFA, kiu pagis la du faritajn afiŝo-skizojn (400 GM) rezignas je repago, por iom apogi la IFEF-kason.

2. PLENKUNSIDO

1. *Pr* bonvenigas la ĉeestantojn kaj ĝojas pri la granda intereso por la kunsido flanke de la kongresanoj. Li donas *superrigardon pri la farita laboro,* dankas al Terminara kaj Fakprelega Komisionoj, petas pliutiligi la prelegojn eksteren, kontakti sindikatojn por atingi la junulojn, atakas la lingvan dilentantismon kaj petas daŭre priatenti la lingvan nivelon, substrekas gravecon de informado kaj flegado de eksteraj rilatoj, mencias feriosemajnojn kaj plurlandajn renkontiĝojn, alvokas nepre pliaktivigi la junularan agadon, mencias revivigitan resp. restarigitan organojn en Francio kaj Jugoslavio kaj la bonegan lingvokurson de Hermann Behrmann, D-4942 Löhne-Oberbeck, Bahnhofstrasse 54 (estas programita kurso kun diskoj

kaj lernolibroj taŭga por kursa aŭ hejma lernado, havebla en germana kaj diversaj aliaj lingvoj, prezo 20 GM). Fine honorigo de la mortintoj per silentminuto.
*Mandatkonstato:*
Ĉiuj ĉeestas krom Polio kaj Rumanio; junulara komitatanino Hervouet nek ĉeestas, nek anstataŭita (26 voĉoj).

4. *Estrara jarraporto*
Ĉefkomitatano petas klarigon, kial sur la frontpaĝo de IF troviĝas verda stelo anstataŭ haĉita. La diskutado rezultas, ke la plukostoj certe ne estas altaj; la aspekto plaĉa, ĉar nia insigno ja havas tian stelon kaj same troviĝas sur la papero de IFEF. La komitato akceptas konservadon de la nuna aspekto per 25 voĉoj kontraŭ unu.
La raportoj de estraro kaj redaktoro akceptitaj per 25 voĉoj por, 1 sindeteno, la kasraporto en la formo, kiel ĝi estas distribuita en Rimini akceptita per 26 voĉoj.

5. *Komisionaj raportoj* (Terminara kaj fakprelega komisionoj vidu apartojn raportojn.)
*Junulara sekcio:* D.ro Ferenczy plendas pro nesufiĉa aktiveco kaj petas helpon de la landaj asocioj por aktivigi la junulojn. Li dankas al estraro kaj landaj asocioj pro okjara subteno kaj transdonas sian oficon al novelektita posteulo Johano *Mevel* (Francio). Tiu deklaras necesa:
— la organizaĵo estas plibonigenda, en ĉiu lando estu junuloj
— la kontaktoj al aliaj organizaĵoj estu flegataj
— la venonta skisemajno antaŭvideble en Francio (loko ne jam konata)
— nepre necesas sendi kontribuaĵojn al IF.
*Pr* dankas al D.ro Ferenczy pro lia longjara agado kaj deziras al Mevel bonan rezulton. Mevel transprenis la oficon por du jaroj.
*Komitatano A de UEA*
Diskuto pri la nombro de IFEF-membroj, kiuj estas fakdelegitoj de UEA, mankas multaj elstaraj aŭ konataj IFEF-anoj inter la fakdelegitoj. La landaj asocioj alstrebu plibonigi tiun staton. En 13 landoj estas 39 IFEF-membroj, kiuj estas fakdelegitoj *ne*fervojaj, nur 7 aktivas en ĉefurboj.
*Statutkomisiono*
50 proponoj devis esti prilaboritaj. La baza laboro grandparte estas farita. Celo: definita malneto estu submetata al la komitato en Maribor.
*Brandenburg* deklaras, ke GEFA disponigos por la novpresigo 450 sfr. al IFEF.

6. *Kongresproponoj*
(La voĉdonaj rezultoj pri ĉiuj kongresproponoj entenas la voĉon de Polio)
*1.a propono*
*Pr* substrekas la ĝeneralajn prezaltigojn.
*Labordus:* Se ni plialtigos la kotizon je 1 sfr., plura kotizaltigo estas antaŭvidebla jam en 2 aŭ 3 jaroj. Tio signifas dufoje ioman membroperdon. Proponas plialtigon je 2 sfr.
*D.ro Bácskaj:* Certe ekestos valuto-komplikaĵoj, tamen ni ne malplialtigos la membronombron kaj jesos 2 sfr.

*Pr:* Plialtigo je 2 sfr. ne nur helpus eviti daŭran deficiton, sed ebligus krei nepre necesan sekurec-kapitalon. La komitato akceptas la proponon en modifita formo, nome, ke art. lo, dua alineo de Ĝenerala Regularo tekstu: «La baza jarkotizo pagenda de la landaj asocioj kaj de individuaj membroj estas sfr. 5 po membro. Ĝi inkluzivas la abonon, de «Internacia Fervojisto». Rezulto de voĉdono: por 21, kontraŭ 5, sindetenas 1.

*2a propono*
La propono estos traktita konekse al punkto 8 de la tagordo.

*3a propono* sen diskutado unuanime akceptita.

*4a propono*
*Pr:* Ĉar temas pri evidenta komplika situacio pro la kongresejo kaj krome pri jubilea kongreso, la komitato antaŭvideble sub punkto 10 provizore akceptos la inviton. Pro tiaj cirkonstancoj Hauge retenas la proponon.

*5a propono*
*Pr:* La 5a ĝis 7a kaj 9a proponoj estas komuna komplekso. Ili unuflanke postulas de IFEF monon por favorigi unuopajn grupojn, aliflanke malhelpos, ke IFEF havos la necesajn enspezojn. La dekobla kotizo estus multe tro malalta. Post certa tempo IFEF ne plu havus sufiĉe da mono.
*Labordus:* La proponon ne eblas efektivigi, ĉar IFEF ne havas personajn membrojn. Ili ja pagas al la landaj asocioj. Voĉdono: 26 kontraŭ, 1 por.

*6a propono*
Respondkuponoj ne ĉie estas riceveblaj. Oni nur ricevas poŝtmarkojn kontraŭ ili, krome ili kostas pli ol estas valoro de la ricevitaj markoj. Voĉdono: 26 kontraŭ, 1 por.

*8a propono*
Oni sendu sufiĉe frue la korespondaĵojn, ĉar la limtempoj estas konataj. Poŝtstampo ofte ne estas legebla. Ĝis kiam ekz. oni devus atendi leterojn el Japanio? Voĉdono: por 3, kontraŭ 19, sindeteans 5.

*9a propono*
Rekompensojn al estraranoj kaj ĉefkomitatano nur estas pagitaj por *parte* kovri restad- aŭ vojaĝkostojn de estrarkunsidoj k.s. Respektiva sumo estas fiksita en la budĝeto. Sed neniu estrarano, komitatano aŭ membro nek rajtas monon el la IFEF-kaso okaze de kongreso nek iam ricevis ion tian. Ĉar la propono baziĝas sur neĝustaj asertoj, ne eblas trakti ĝin.

7. *Budĝeto*
Nova budĝeto estu starigita kaj prezentota al la komitato. La bilanco en la nova formo estas akceptita (24 por, 2 sindetenis).

8. *Estrarelekto*
Ĉiuj estraranoj estas reelektitaj per ciuj voĉoj. *Pr* dankas nome de la tuta estraro pro la granda fido kaj akcentas, ke la estraro klopodos agi en la senco de la federacio kaj de d-ro Zamenhof.

9. *Elekto de revizoroj*
Estas reelekteblaj Hanselmann, Noll, Glättli, nove prezentita kiel vicrevizoro: Ernst Rohner (ĉiuj Svisio). Ili estas unuanime akceptitaj.

10. *Elekto de kongresloko 1971/72*
*S-ino Lipiĉar* atestas la inviton al *Jugoslavio* por 1961, nome al Mari-

bor de 15a ĝis 21a de majo. La kongreskarto validos dum majo kiel fervoja liberbileto unua klaso por tuta Jugoslavio, sed nur por aktivaj fervojistoj kaj ties familianoj kaj por emerituloj, neniel por *ne*fervojistoj.

*Piŝtora, Ĉeĥoslovakio* provizore invitas por 1972 al Praha. Ambaŭ invitoj estas akceptitaj per ĉiuj voĉoj.

*Hauge, Danlando* deziras inviti la 25an jubilean kongreson. La komitato provizore ankaŭ akceptas Danlandon kiel kongreslandon por 1973. Voĉdono: 25 por, 1 sindetenas.

11. *Libera diskutado*

*Pr* ankoraŭfoje enkondukas la temon «kongresemblemoj», ĉar estas farita de S-ino Lipiĉar nova taŭga propono. Italio sendu la emblemojn al Danlando, kie ili estos reparitaj kaj prezentitaj en la 25a kongreso. Unuanime akceptita.

*Lautenbach* koncize referas pri temo koncernanta la fakan instruon de certaj kategorioj de fervojistoj.

*De Jong gratulas la estraron kaj* komitaton pro la farita laboro kaj anoncas serion de 100 diapozitovoj pri Amsterdamo, kiujn li disponigas laŭbezone. Oni sin turnu al li.

*Lok* dankas pro la ora medalo de FISAIC, kiun li rigardas signon de amikeco. Post la unua periodo sub nederlanda gvidado nun komenciĝis nova periodo por IFEF.

*Pr* substrekas, ke tiu ora medalo ne nur estas signo de amikeco, sed precipe ankaŭ danko kaj agnosko pro la giganta laboro farita de Lok por IFEF kaj la internacia kompreniĝo.

*

## Terminara komisiono

La Terminara komisiono kunsidis dum tri horoj, lundon la 18an de majo 1970 posttagmeze.

Post detala diskutado oni fiksis tekstproponon por «agad-reguloj» transdonendaj al la statutrevizia komisiono por ke ĝi fariĝu parto de la IFEF-statuto.

La raportoj pri la diverslanda stato de la terminaraj laboroj rezultigis, ke post Germanio, Norvegio kaj Hungario, nun certe prepariĝas la eldono de fervojfaka terminareto en Jugoslavio, Nederlando kaj Danlando. En Finnlando la manuskripto jam estas preta, sed mankas la financa ebleco por eldono.

En Italio komencos preparlaboroj post la 22a kongreso, nova kunlaboranto estas d.ro Boschin.

La traduklaboroj komunaj laŭ la granda fervojteknika leksikono de UIC, atingis proksimume 4000 terminojn, la reviziaj laboroj nur komencis, la sistemon oni ankoraŭ pridiskutas.

Krome oni decidis, ke ek de tiu ĉi kongreso, detala protokolo estu skribota kaj dissendota al ĉiuj kunlaborantoj.

Ankaŭ la jarraportoj de la landaj asocioj estonte enhavu apartan punkton «Terminara laboro».

*Ritterspach.*

## Junulara sekcio

Pro malfacilaj cirkonstancoj dum la kongreso, kiuj devigis al ŝanĝado de fiksita dato kaj horo por tiu kunveno, partoprenis malmultaj gejunuloj. Tamen, ĉiu programita punkto estis serioze diskutita, kaj ankaŭ estis starigita nova laborplano ĝis la venonta IFEF-kongreso en Maribor. Pri la pasinta jaro estis menciitaj la diversaj kontaktoj de IFEF-junularo kun TEJO. Estonte tiuj inter-

rilatoj ankoraŭ devos plifirmiĝi. La 11a IFES en Ĉeĥoslovakio fariĝis bonsukcesa aranĝo, malgraŭ la malfacilaj kondiĉoj sub kiuj la organizantoj devis labori.

Por 1971, la francaj amikoj anoncis ilian decidon organizi la 12an IFES en la alpa regiono Chatel en la tempo 23.1.—30.1.1971. Por 1972, Italio kandidatiĝis por organizi la 13an IFES.

Ĉar D.ro Imre Ferenczy deziris forlasi sian postenon en la junulara sekcio, oni elektis Johano Mevel kiel lia posteulo, kaj li volas plenumi tiun taskon por maksimume 2 jaroj.

Jen la ĉefaj punktoj de la laborplano akceptita antaŭ la fermo de la kunveno.

— Plifirmigo de la junulara sekcio de IFEF. — Flegado de la rilatoj kun TEJO. — Organizo de la 12a IFES. — Aranĝo de junulara programo en kadro de la IFEF-kongreso en Maribor (sporto, distraj vesperoj ktp.) — Plenumo de junulara paĝo en IF, per regula sendado de artikoloj.

*Johano Mevel.*




# ADMINISTRAJ INFORMOJ

JARKALKULO 1970

Laŭ konsilo de komitatano estis sanĝita la bilanco 1970 al jena pli komprenebla formo kaj akceptita de la komitato la 21-an de majo 1970 en Rimini.

| *Bilanco je la 31a de decembro 1969.* | Aktivoj | | Pasivoj |
|---|---|---|---|
| Deponlibro 940'512—04 Th.K.B. ...... | Fr. 2 266.90 | | |
| Ŝparlibro 44'165—09 Th.K.B. ........ | Fr. 149.50 | | |
| Konto Korrent 471 Th.K.B. .......... | Fr. 71.45 | | |
| Kaso ............................ | Fr. 60.42 | | |
| Nepagitaj Kotizoj 1969 ............ | Fr. 750.00 | | |
| Inventaro ........................ | Fr. 338.90 | | |
| Kongresa Fonduso ................. | | | Fr. 556.50 |
| Antaŭpagitaj kotizoj ............... | | | Fr. 458.65 |
| Havaĵo 1.1.69 ..................... | | Fr. 2 788.17 | |
| Havaĵperdo 1969 .................. | | Fr. 166.15 | |
| Havaĵo 31.12.69 ................... | | | Fr. 2 622.02 |
| | Fr. 3 637.17 | | Fr. 3 637.17 |

Romanshorn, 4-a de majo 1970
la kasisto: O. *Walder*

la revizoroj:
H. Hanselmann, A. Hunziker, H. Noll.

*Edziĝo.* Inĝ. L. Sekeres kaj f-ino Toth Horgoŝi Piroŝka edziĝis dum majo kaj plezure faris sian edziĝvojaĝon al nia IFEF-kongreso en Rimini. Redakcio kaj estraro kore gratulas al la paro.

*

ŜANĜO EN LANDA GVIDADO

Denove ni devas informi niajn membrojn pri grava ŝanĝo en unu el la landaj asocioj de IFEF. Temas pri konata kaj ŝatata figuro de niaj kongresoj, pri la ĝisnuna prezidanto de la brita landa asocio, s-ro Horace *Barks.* Spite al sia apenaŭ rimarkebla aĝo tiu ĉiam afabla kolego gvidis sian britan asocion dum multaj jaroj per lerta mano. En ĉies memoro ankoraŭ estas la neforgesebla kongreso de Stoke-on-Trent, loĝurbo de kolego Barks. Ruze li trovis metodojn por mobilizi helpantojn kaj simpatiulojn el ĉiuj direktoj kaj i.a. sukcesis, inaŭgurigi elstarajn gravaĵojn en Stoke, nome dum la kongreso straton kun nomo «Esperanto» kaj pli poste trinkejon kun nomo «Verda Stelo». Plura strato nomiĝas laŭ «Zamenhof». Fine nun nia tiom bonhurmora, desegnema kolego, ofte esprimanta fieron pri la resto de siaj haroj, transdonis siajn taskojn en la manojn de pli juna posteulo. La federacio multe dankas al Horace Barks pro lia fideleco kaj ŝerca sincero, pro ĉio, kion li faris por la fervojista movado kaj deziras al li, kiel decas al emeritulo, ankoraŭ longajn jarojn da sano kaj merita trankvileco (ne troa), ĉar tute trankvile nia vigla kolego kun certeco ne povos kaj ne volos vivi. Kaj ofte li bonvolu viziti ankaŭ estonte niajn kongresojn.

*Estraro*



# FERVOJNOVAĴOJ

FRANCIO: *Turbo-trajno*

Ek de la 16-a de marto, du «turbotrajnoj» kvarvagonaj, kiuj uzas aviadilan gazturbinon, veturas regule inter Parizo kaj Caen. Ili pezas 163 tunojn, posedas tutan povumon de 1150 kw, oferas 188 sidlokojn en du klasoj, kaj enhavas restoracivagonon. La nunaj veturoj daŭras 2 horojn por 239 km. kun unu halto kaj je plej granda rapido 160 km/h. Aŭtune, la veturoj okazos inter Parizo kaj Cherbourg (371 km) dum 3h07 m kun kvar haltoj kaj kadenca uzado de 10 turbotrajnoj. La gazetaro tre favore raportis pri tiu nova sistemo, kiu malfermas alian fervojan epokon. (vidu la bildon)



*Rapidec-provo*

La 20-an de marto, prov-trajno, konsistanta el elektrolok. CC 6500 (povumo: 5.900 kw — kontinua kurento 1.500 v) kaj 10 vagonoj pezantaj entute ĉirkaŭ 500 tunojn, traveturis la 581 km. inter Parizo kaj Bordeaux dum 3h34 m. Tio

signifas je meza rapido de 162,7 km/h. Post farota trak-preparo, tiuj kondiĉoj fariĝos ĉiutagaj ek de 1973, laŭ la nuna plano.

*H. Bernier*

# El la Muzefervojoj

*Stranga akcidento.*

Iam estis en Norvegio fervojo kun 750 mm ŝpuro, kiu de Sørumsand (stacio ĉe la linio Oslo Ø—Stockholm C) zigzagis 57 km. al la finstacio, Skulerud, kaj tiu liliputfervojo estis tre ŝatata karesobjekto de turistoj, antaŭ ĝi fariĝis muzeobjekto. Iun belan somerdimanĉon antaŭ pli ol 20 jaroj, matene en Sørumsand, la liliputtrajno laŭkutime estis plena je turistoj.



La nokttrajno Stockholm C—Oslo Ø devis halti, kaj sur la kajo ludis blovorkestro.

En vagono en la liliputtrajno, ĉiuj vojaĝantoj staris en la sama flanko, por tra la malfermitaj fenestroj observi ĉion interesan. Ekveturante, la oblikve ŝarĝata personvagono renversiĝis, kaj la trajno tuj haltis.

Sed ĉiuj spontane reagis, helpe de centoj da manoj oni sukcesis surreligi la vagonon, kaj la trajno povis preskaŭ laŭhorare daŭrigi al sia celo.

Inter la vojaĝantoj en la nokttrajno de Stockholm, estis filo de la sveda IFEF-ano Herman Norling, kiu tute hazarde sukcesis fotografi tiun strangan akcidenton, kaj sekve ni povas prezenti la bildon en IF.

# 12a Europa feriosemajno en Svisio 23.-29.8.1970



*En Gwatt ĉe la lago Thun.*

Belaj ekskursoj al la montarregiono «Berna Oberlando». Variaj vesperaj prezentadoj. Elstara kuirejo. Modera prezo. Petu senkostajn programojn ĉe la organiza adreso: Ernst Glättli, Laŭrstr. 17. CH-5200 Brugg.

La redaktfino por la venonta IF estas 25.7.1970.

Presita ĉe presejo A. Sæther A.s
N-2300 Hamar, Norvegio